# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VIII N.° 8-9 (92-93) AGOSTO - SEPTIEMBRE, 1956

## EL ESPERANTO EN LA VIDA ESPAÑOLA

La celebración, en fechas recientes, de los congresos de Esperanto en España, el internacional de I. K. U. E., en Zaragoza, y el nacional de H. E. F., en Barcelona, han marcado, en la historia del esperantismo español, un momento muy destacado, que, desde la celebración del congreso del año 1909, en Barcelona, no se había pruducido. Ambas asambleas han demostrado un estado de madurez en la evolución de nuestro movimiento lingüistico y pacífico, que todos, desde el simple lector de un periódico de arrinconada provincia hasta las autoridades más encumbradas, no han podido dejar de comprobar.

El carácter altamenle constructivo, cultural y humanitario, de nuestros postulados, ha quedado bien patente, y nuestro patriótico afán de lograr para España un alto nivel en el movimiento esperantista, ha conquistado la opinión pública y la estimación de las autoridades españolas. Nuestras reuniones, los diversos actos que han adornado el programa congresal, el apoyo y participación de altas autoridades eclesiásticas, civiles y militares, y la unánime simpatía de la Prensa, han producido, no solamente un estado de opinión favorable a nuestra campaña cultural, sino también un clima de confianza entre los esperantistas activos, y un deseo de colaboración por parte de los numerosos esperantistas que, en estéril aislamiento, eran, hasta ahora, absolutamente negativos para nuestra valoración ponderal y efectiva.

El Esperanto marcha. Nuestra trayectoria ascensional encuentra su mayor impulso en la celebración periódica de los congresos, cada vez más constructivos, cada año más ambientados en nuestra tónica de comprensión internacional. Esperamos que, para el año venidero, el congreso, en Madrid, coincidirá con notorios progresos del Esperanto en todo el mundo. Todo esperantista español debe, desde estos momentos, proponerse la máxima aportación al éxito definitivo de nuestras aspiraciones.

Gesamideanoj Hibon, post sia geedziĝo eliras el la preĝejo ĉirkaŭite de la kongresanaro

**En la Oficiala Meso, Samideanoj Solá, Molera, Viver kaj Herrero.**

En la Interkona Kunveno en Casa Valencia.

Sceno dum la prezentado de la komedio «Georgo Dandin».
Meze poeto S-ano Vilá, direktoro kaj ĉefa aktoro.

# LA XVII-a KONGRESO DE ESPERANTO, EN BARCELONO

La esperantista etoso, post la kongreso de I. K. U. E., tiel brile sukcesinta en Zaragozo, flugis al Barcelono kaj ŝvebis super la grafa urbo, nesto de tiom da bonaj esperantistoj, kaj preparis, en entuziasma sinsekvo de allogaj programeroj, la efektivigon de la XVIIa Kongreso de Esperanto en Hispanujo. Barcelono, plej densa centro de esperantismo en la duoninsulo, klera kaj historiplena urbo, devis esti, kaj fakte, estis, taŭga loko por ke nia afero havu plenan sukceson, kondiĉe ke la organizantoj estus entuziasmaj kaj agemaj; tiaj ili estis, kaj plie, lertaj. Tiel, la daŭrigo de la programeroj estis kreskanta sukcesamaso, kaj, kiam la kurteno falis post la adiaŭa kunveno, ĉiuj, longmiene kaj bedaŭroplene, devis konformiĝi al la fatala leĝo: sopiro, ĝojplena apero, entuziasma daŭrado, neevitebla sunsubiro...

Jen, karaj gelegantoj, kio estis, malbrile priskribita, la neforgesebla deksepa hispana kongreso de Esperanto en Barcelono:

*Mardon, 24an de Julio.* La Valencia Hejmo, klubo de valencianoj loĝantaj en Barcelono, dank' al la zorgoplenaj kaj trafaj demarŝoj de samideano Rafaelo Gisbert, disponigis siajn belajn salonojn kaj oazan terason; ili konsistigis taŭgan kaj agrablan akceptejon, kien aliris dum la tuta posttagmezo kaj vespero, la kongresontoj, avidaj ne nur pri dokumentaro, sed, ĉefe, pri renkontiĝo kun malnovaj samideanoj kaj novaj konatajoj.

La afabla Prezidanto de la Valencia Hejmo, S-ro Henriko Ramos, disdonis al ĉiuj kaj ĉien, ĝentilaĵojn kaj oferemon, kaj, lasthore, post afabla alparolado, per kiu li disponigis la Hejmon al ĉiuj kongresanoj, dum la daŭro de la kongreso, li donacis belegan bukedon al la ĝentila edzino de D-ro Herrero, Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, kiu akceptis ĝin kiel donaco farita al ĉiuj esperantistinoj tie kunvenintaj, kaj poste disponigis ĝin ĉe la piedoj de la Sankta Virgulino de la Senhelpuloj, Patronino de Valencia, en la tiea kapeleto. La Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio kaj sam.o Ludoviko Hernández dankis, emociplene, S-ron Ramos, kaj bonvenigis la alvenintojn.

Dum la vespero, okaze de la kermeso de Sankta Jakobo, multaj kongresanoj ĉeestis la Valencian Hejmon, kie ili estis regalataj per la klasika kukaĵo kaj ŝaŭmanta ĉampano, kiu multe helpis por plezurigi ĉiujn kaj prepari agrablan etoson por la kongreso.

*Merkredon, 25an de Julio.* La festotago de Sankta Jakobo, Patrono de Hispanujo, markis la komenciĝon de la Kongreso, per solena Malfermo ĉe la historia kaj impona salonego de *Concell de Cent* (Cent Konsilistoj), en la gotika urbodomo. Densa esperantistamaso plenigis, ne nur ĉiujn sidlokojn, sed ankaŭ ĉiujn enirejojn kaj apudajn koridorojn.

Kiam la robovestitaj pedeloj sukcesis fendi la homamason, la barcelonaj Aŭtoritatuloj kaj Estraranoj de esperantaj organizoj eniris la mezan alirejon kaj sidis ĉe la podio, meze de impona silento.

La Vicurbestro de Barcelono, S-ro Jaumart de Bofarull, komencis invitante Profesoron Llech-Walter, Estrarano de U. E. A., kiu salutis la kongreson, nome de la internacia organizo, emfazis pri la kultura rolo de Esperanto kaj decidiga agado de U. E. A., kiun, senhezite, devas helpi ĉiu bona esperantisto.

Pastro Alfonso Beckers, Prezidanto de I. K. U. E. salutis la Aŭtoritatulojn kaj kongresanojn, kaj raportis pri la ĵus finiĝinta kongreso en Zaragoza, tiel brile sukcesinta, kaj deziris al la H. E. F.-kongreso la saman sorton.

D-ro Herrero, Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio komencis dirante ke la XVIIa Kongreso okazas, feliĉe, post la kongreso en Zaragoza, kiu pruvis la seriozecon kaj maturecon de Esperanto, kaj la agemon kaj kapablon de la esperantaj organizoj por plenumi la civilizigan taskon de la internacia lingvo kaj de ĝiaj moralaj celoj, tiel akordiĝantaj kun la kristana kulturo.

«La kongreso okazas en Barcelono, kie dekomence, tiel bele floris Esperanto, ĉe la

cerbo kaj la buŝo de tiom bonaj esperantistoj, el kiuj multaj ankoraŭ povas rememori pri la ora pasinteco, kiam la Majstro venis en Barcelonon, okaze de la internacia kongreso, en 1909.»

«Multaj, ankaŭ, forpasis, kaj mi ne devas silenti ke hodiaŭ mem estas la festotago de la granda kataluna poeto Jakobo Grau Casas, perfekta tradukisto al Esperanto de la «Kataluna Antologio», per kiu multaj gloraj paĝoj de la kataluna literaturo estas konataj ĉie, en la mondo; dank' al la talento de la poeto kaj al la taŭgeco de Esperanto, la literatura gloro de Hispanujo disvastiĝis.» Petite de la oratoro, impona aplaŭdado salutis la memoron de la forpasinta poeto, vera gloro de Esperantujo.

D-ro Herrero daŭriĝis sian paroladon, atente aŭskultata de ĉiuj, emfazante la grandan kulturan rolon de Esperanto, senkompara ilo de moralo kaj paco, kaj promesante ke H. E. F. laboros ĉiam por triumfigi ĝin en Hispanujo, lando kie ĉiam floris la belaj idealoj.

Longe tondris entuziasmoplena aplaŭdado, kiu pruvis ke la oratoro bone interpretis la sentojn de la esperantistaro.

Poste, Moŝta S-ro Jaumart de Bofarull, Vicurbestro de Barcelono, deklaris solene la Malfermon de la Kongreso. Ĉiuj, stare, aplaŭdadis, kaj, dum longaj minutoj, rifuzis foriri el la salonego kaj apudaĵoj, kie tiel brile regis Esperanto, ĉe la oreloj kaj la koroj.

D-ro Herrero, post ricevo de multaj gratuloj devis submetiĝi al senfinaj intervjuoj de ĵurnalistoj, kiuj aperigis favorajn artikolojn pri la Kongreso kaj Esperanto en la ĉefaj ĵurnaloj de Barcelono kaj de la tuta Hispanujo.

Dum la sama tago, vespere, okazis la inaŭguro de la Esperantaj Ekspozicioj, en la estinta kapelo de la malnova Malsanulejo de la Sankta Kruco. La granda navo prezentis imponan aspekton. Libroj, broŝuroj, afiŝoj, desegnoj, markoj, poŝtmarkoj, vinjetoj, aŭtografoj, laŭ kvanto kaj kvalito, mirinde aranĝitaj sur bretoj, kolonoj kaj tabloj, pruvis ke Esperanto estas kultura realaĵo kaj ke ĝia konsisto estas anima kaj ne seka skeletaĵo. La ĉeestantaro estis tiel densa ke multaj devis foriri kaj prokrasti la viziton pro fizika neeblo. La Prezidanto de HEF alparolis la vizitantojn, atentigante pri la valoro de Esperanto en la homa kulturo, kaj dankante la organizintojn pro la granda sukceso atingita. Dum la daŭro de la kongreso la ekspozicio estis tre vizitata kaj la gazetaro raportis longe pri ĝia graveco.

***Ĵaŭdon, 26an de Julio.*** La Oficiala Gildo pri Komerco kaj Marveturado ĝentile disponigis sian imponan kaj belan palacon por la kongresaj laborkunsidoj. Tra la bela korto kaj elegantaj ŝtuparoj la kongresanoj eniris la salonegon, ornamita de belaj skulptaĵoj de la fama Campeny kaj de belegaj lustroj. La Prezidanto de la Organiza Komitato, samideano Gómez Ibars malfermis la unuan laborkunsidon kaj, laŭregule, cedis la prezidantecon al la Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, D-ro Herrero, kiu, post saluto al ĉiuj kongresanoj kaj eksterlandaj samideanoj klarigis al la aŭdantaro la laboron de la Federacio, de la fino de la pasinta kongreso en Gijón ĝis la ĵus komenciĝinta. Plie, li klarigis ke la reprezentantoj de ĉiuj federaciaj grupoj, dum prepariga antaŭkunsido, rekonis la utilon kaj bezonon de la federacia laboro, kaj promesis helpi finance por plia efektivigo de ĝia laboro, pruvante, tiel, sian komprenemon kaj bonvolon al la Federacio, vera lumturo kaj ŝildo de la hispana samideanaro. La Prezidanto finis sian paroladeton kaj tuj komenciĝis la salutado de hispanaj reprezentantoj, de eksterlandaj vizitantoj, kaj poste, la legado de salutleteroj de forestantaj samideanoj, multaj el ili bedaŭrante ne ĉeesti la kongreson. Ĉiuj salutintoj estis aplaŭdataj, kaj, laŭkutime, oni alnomigis postenularon por la dua laborkunsido. Unuanime oni akceptis, kiel Prezidanton, samideanon Mikaelo Arbona, el Palma de Majorko, kaj samideano Dario Rodríguez, el Madrido, estis elektata anstataŭa Prezidanto. Samideano Andreo Candela, el Valencio, akceptis la sekretariecon. Antaŭ ol fini, oni decidis sendi respektoplenan saluton al la Ĉefo de la Ŝtato, sendi telegramon al Provincestro, de Asturio, kaj Urbestroj de Gijón kaj Oviedo, pro la granda helpo al la pasinta Kongreso. Ankaŭ al la Aŭtoritatuloj en

Katalunio pro la granda apogo al nuntempa kongreso. Post tiuj formalaĵoj, finiĝis la unua laborkunsido, kaj ĉiuj rapidis por ne maltrafi la plej sentimentalan programeron de la kongreso.

*Esperantista Internacia Geedziĝo.* Foje, samideano Jacques Hibon, el Versailles (Francujo), konatiĝis kun fraŭlino Marta García, sekretariino de la esperantista grupo «Stelo de Paco», en Barcelono.

La samideaneco fariĝis baldaŭ amikeco, kaj, poste, sincera kaj forta amo; la tuta sinsekvo da sentoj trovis adekvatan esprimon pere de Esperanto, ĉar neniu el ili scipovis la aliesan idiomon. Kaj en tiu feliĉa dua tago de la kongreso, en la preĝejo de Sankta Johano, de Gracia, Pastro Casanovas, la simpatia kaj respektinda kapelano de la Federacio, geedzigis ilin. La ceremonio, tute esperantlingve, estis ĉeestata de plej parto de kongresanoj; la Prezidanto de la Federacio subskribis la atestilon, kaj, ĉe la solena foriro, meze de rizpluvo kaj foteksplodoj, sonis, pacpromesantaj, la amataj notoj de «La Espero». Ĉiuj gratulis la novan esperantistan paron ĝis kiam la aŭtomobilo forrabis ilin el la ne finiĝantaj manpremoj kaj longaj kisadoj. Multenombraj fotografistoj kaj ĵurnalistoj avide kaptis la okazantaĵon kaj longe raportis, tra la tuta Hispanujo, pri ĝi. La gazetaraj komentarioj reliefigis, fakte, ke Esperanto povas esti taŭga perilo por plej delikataj sentoj; ke, sole per Esperanto, oni pensas vivi familie —kio, cetere, estas afero multfoje pruvita—; kaj laste, ke la katolika rito uzas Esperanton kiam ĝi utilas al ĝiaj bezonoj. La hispana esperantistaro varme gratulas la novan paron kaj deziras al ili longedaŭran miellunon kaj ke ilia hejmo estu, por la tuta vivo, fokuso de esperanta feliĉo.

Je la sesa vespere, kunvenis la diversaj faksekcioj, inter kiuj ni devas mencii la jenajn: Katolika, Instruista, Gazetara kaj Elsenda, Filatela, k. t. p. Ili bone laboris, kaj atingis plurajn decidojn, kiuj respeguliĝis en la konkludoj de la kongreso, kiujn ni legos ĉe la fino de la raporto.

Kaj laste, por la tiutaga tasko, venis la dezirata prelego de D-ro Mariano Solá. En antaŭaj kongresoj, la prelego de D-ro Solá, ĉiam altnivela kaj alloga, temis pri literaturaj kaj esperantaj aferoj, kaj ĉiam emociis kaj mirigis la aŭdantaron. La nunjara prelego temis pri «Malbonaj kaj bonaj mikroboj». Se la antaŭaj prelegoj pruvis tion kion oni povas atingi per Esperanto kiam talenta kaj elokventa oratoro tuŝas interesan aŭ pasian temon, la nunjara pruvis tion kion oni povas havi, per Esperanto, je la servo de la didaktiko kaj la scienco. La kutima majstreco de Solá por prezenti, perfekte ordigita, diversaspektan temon, havis, en tiu prelego, la supron de la akurateco, la plenon de la intereso, kaj plie, la tuton de la instruo. Per ĝi, la prelegisto pruvis, plian fojon, ke, kiel asertis D-ro Herrero, kiam talento kaj elokvento uzas Esperanton, la rezulto estas literatura mirindaĵo, vera frandaĵo, kiun gustumis avide la multenombra aŭdantaro kiu plenigis la belan salonegon de la Gildo por Komerco kaj Marveturado de Barcelono. Kiam la oratoro finis sian prelegon ĉiuj kredis esti ankoraŭ ĉe la komenco de la afero, kaj densa aplaŭdado premiis, plenmerite, la brilan oratoron, legitima fiero de la nuntempa hispana esperantistaro.

*Vendredon, 27an de Julio.* Sub la prezidanteco de samideano Mikaelo Arbona, el Palma de Majorko, kaj de la vicprezidanteco de samideano Dario Rodríguez, el Madrido, komenciĝis la dua laborkunsido, kies sekretario estis samideano Andreo Candela, el Valencio. Unuavice, oni legis la raporton de la estraro de HEF, kies diversaj paragrafoj estis, poste, komentataj kaj diskutataj. Inter aliaj, klarigis pri la Gazetara Servo samideano Rodríguez, el Madrido, kiu petis ke oni sendu metode al li ĉiujn eltranĉaĵojn de gazetaj artikoloj rilatantaj Esperanton, por havi kompletan statistikon.

Samideanoj Herrero, el Valencio, kaj Juanes, el Bilbao, raportas pri la radia fako, kaj samideano Yáñez, el Las Palmas, sciigas pri baldaŭa priesperanta programo en la tiea stacio. Inter ili kaj aliaj priservantoj de la sama fako oni decidis starigi reciprokecon por la programoj.

Pro malĉeesto de samideano Molera, el Moyá, oni ne diskutis la Korespondajn Kursojn, sed ĉiuj konsentis ke ili funkcias tre kontentige kaj efike. Pro tio oni

decidis gratuli lin pro la sukcesplena laboro farita.

Pro la sama kialo oni ne diskutis la rilatojn de HEF kun la UNESKO-aj aferoj. Samideano Guzmán, el Valencio, bone laboras kaj zorgas pri tio.

Samideano Mimó, el Sabadell, raportas pri la oficiala vortaro Hispana-Esperanta. Li informas kiel statas la laboro, kaj intervenas en la diskuto samideanoj Anglada, el Barcelono, Gumá, el Reus, Chaler kaj Arís, el Tarrasa, Gisbert, el Barcelono. Al ĉiuj respondas samideano Mimó, klarigante dubojn kaj informante pri la giganteska tasko plenumita kaj restanta.

Samideano D-ro Tudela, el Valencio anoncas ke la vortaro Hispana-Esperanta, de li entreprenita de kelkaj jaroj, estas jam preta, kaj, tiucele, li povas montri ekzempleron al ĉiuj ĉeestantoj, kaj invitas ĉiujn deziremulojn formuli siajn mendojn.

Samideano Hernandez, el Valencio, klarigas la administrajn kaj ekonomiajn problemojn de la Federacio, kaj sciigas al ĉiuj ke la reprezentantoj de la diversaj grupoj komprenis kaj akceptis ke la Federacio bezonas salajratan oficiston, kaj promesis la monhelpon por plenumi tiun aferon, ĝis kiam la Federacio havos minimume 1.000 membrojn.

Pro malĉeesto de samideano Bosch, el Valencio, nuna ĉefredaktoro de Bulteno, samideano Hernandez raportas pri tiu fako, kaj sciigas ke, pro maleblo de la nuna redaktoro, li devos transpreni tiun oficon de la komenciĝo de venonta jaro. Samideano Mimó petas al la asembleo ke oni publike danku samideanon Bosch pro la bona laboro farita en la Bulteno; tiel oni faris, dediĉante longan aplaŭdadon al la malĉeestanta samideano Bosch.

Samideano Gisbert proponas, kiel rimedo por havigi monon al la Federacio, plialtigi la matrikulojn al la kursanoj, kaj sendi la duonon de la enspezita mono al la Federacio.

Al la demando pri daŭrigo de la Federacio en Valencio oni decidis unuanime «jes», ĝis kiam Madrido kapablos transpreni la koncernajn taskojn.

Post tiu akcepto oni decidis ke D-ro Herrero daŭrigu kiel Prezidanto, samideano Guzmán, estu Sekretario, kaj samideano Guillem daŭrigu kiel Kasisto. Samideano Hernandez estu voĉdonanto kaj samideano Jakobo Juan Forné, tiel bona prizorganto de Libroservo kaj helpanto de la nuna Sekretario, kapabla kaj laborema, estu la salajrata oficisto. Tiuj postenoj devos esti konfirmataj de ĝenerala voĉdono, kaj la aliaj postenoj, plenumotaj de ne valenciaj samideanoj, estos proponataj de la diversaj grupoj antaŭ ol voĉdoni definitive.

Post tia debato, oni pasis al ***sugestoj kaj proponoj.***

Samideano Calahorra proponas ke oni petu de la Registaro permeson por ke la esperantistaj grupoj povu loĝi kun aliaj societoj, kiel okazis ĝis nun, sed ne plu, pro ŝtata malpermesanta decido, kiu ordonas ke ĉiu societo havu sian propran loĝejon.

Samideano Calahorra petas ankaŭ ke oni restarigu la «Hispana Esperanto-Instituto».

Samideano L. Hernandez sugestas ke antaŭ ol decidi oni devas peti konsilon de leĝoscianta samideano.

Samideano D-ro Herrero petas denove, kiel en antaŭaj kongresoj, ke neniu izolulo nek grupano, puŝata de propaganda aŭ varba celo aperigu skribajojn al aŭtoritatuloj aŭ gazetoj, ĉu esperantlingve, ĉu hispanlingve. Oni devas eviti ke malklero aŭ malkorekto impresu malbone pri nia movado. Ĝis kiam HEF reguligu tiun aferon per alnomigo de la koncerna «filtro», ĉiu grupo devas submeti siajn eldonaĵojn kaj publikajn leterojn al kapabluloj, de ili mem alnomitaj. Tiu propono estis aprobata.

Samideano Gumá ree proponas, kiel en Gijón, ke oni starigu Konstantan Ekspozicion de esperantaĵoj, montrendan ie ajn, kie loka grupo deziru elmontri ĝin... Tiucele, li proponas ke oni elektu la koncernan komisionon.

Samideano Gisbert opinias ke neniel oni devas permesi ke la kolektitan materialon prizorgu unusola persono, por eviti la personan troemon al la materialo kaj ĝian retenemon.

Samideano Herrero proponas ke, efektive, devas ekzisti komisiono, tute sam-

loka, por pleja laborrezulto, estrata de kompetenta samideano.

Oni decidis ke HEF proponos tian komisionon.

Samideano Otaola sugestas ke oni petu de la Ĝenerala Direkcio pri Poŝto kaj Telegrafo, ke, okaze de la venonta kongreso, ĝi eldonu priesperantan poŝtmarkon. Post interesplena diskutado oni decidis esplori ĉu oni pli bone sukcesus petante ĝin okaze de la ebla internacia kongreso dum la jaro 1959.

Samideano Gómez Ibars proponas ke oni petu al Ministerio pri Informado kaj Turismo, la eldonon esperantlingvan de Antologio de Hispana Folkloro, kaj ankaŭ de broŝuro pri hispana turismo en nia helpa lingvo. Oni aprobis ĝin.

Samideano Gisbert proponas ke oni petu al la barcelona urbestraro, ke, denove, strato en Barcelono havu la nomon de D-ro Zamenhof. Aprobite.

Samideano Chaler proponas la samon por la urboj Sabadell kaj Tarrasa. Ne rememorata samideano proponas ke oni eldonu gramofondiskon kun «La Espero», ludata kaj kantata. La barcelonaj grupoj zorgos pri tio.

Samideano Arís plendas pri la ne apero de la kongresanaj nomoj en la kongreslibro. Samideano Viver respondas ke nur ekonomiaj kialoj devas esti konsiderataj; tamen, se la kongresbudĝeto sufiĉas oni eldonos tian liston.

En tiu diskuta momento oni premiis la laboron de la kongreskomitato per unuanima kaj densa aplaŭdado.

Samideano Gisbert proponas ke la venontaj kongreskomisionoj zorgu kapti anoncojn por malmultekostigi la budĝeton de la kongresoj, kaj ke, en venontaj kongreslibroj aperu nepre la kongreslisto. Aprobite.

La sama proponinto sugestas ke la diversaj «grupoj» evitu kiel eble tiun nomon, kiu pensigas pri eteco, kaj preferu la nomojn «societo», «asocio» aŭ «klubo». Post diskutado oni decidis rekomendi tiun konsilon. Por eviti la malsperton pri organizado de kongresoj oni decidis starigi komisionon ĉe la Federacia sidejo por konsili kaj gvidi la kongreskomitatojn.

La samideanaro de Bilbao proponas ke oni sendu gratulleteron al la Blindula Organizo en tiu urbo, kiu tiel bone helpas kaj gastigas la tiean movadon. Oni tion faros, tre plezure.

Samideano Manuel Martín, de Madrido, respondis al la alvoko por venonta kongresurbo, akceptante la honoron kaj invitante ĉiujn hispanajn samideanojn al tiea kunveno dum 1957. Tia propono estis aklame akceptata.

Poste, oni decidis sendi oficialajn salutojn al favorigaj aŭtoritatuloj.

Samideano Chaler sugestas ke oni kongresu dum Pentekosto, por eviti la troan someran varmon. Sed, ĉar tiu festo ne estas tre libertempiga en preskaŭ tuta Hispanujo, oni devis malakcepti tiun sugeston kaj alpreni Julion-Aŭguston, ĉar tiuj monatoj koincidas kun la kutimaj libertempoj.

Samideano Giménez, blindulo, direktoro de la blindpresejo, legis kortuŝan mesaĝon de blindaj esperantistoj kaj petis helpon por kuraĝigo de la movado inter la ne vidantoj. Tiu alvoko estis fruktodona, ĉar tuj poste oni kolektis sufiĉe kontentigan sumon, donacita de la kongresanaro por tiu bonfara celo.

Per tiu simpatia finaĵo la kunsido plenumis sian taskon. La kongreslaboro, vere, finiĝis, kaj, sincere, la atingita rezulto estis tre kontentiga: matureco de la hispana movado, plifortiĝo de la kataluna agado, firmiĝo de la Federacio. La Prezidanto de HEF reliefigas tiujn rezultojn kaj ĉiuj konscias pri la efiko de la kongreso. Flanke de la moralaj plezuroj kaj de plidensigo de amikecaj sentoj inter samideanoj —kio estas, ja, grava rezulto— la objektivaj atingoj de la kongreso pravigas la penojn, monoferojn kaj suferitan varmon. Sincere, la kongreso estis efika kaj fruktodona.

*Ekzamenoj*. Nunjare, la ekzamenoj estis tre sukcesplenaj. Multaj samideanoj sin prezentis por atingi la sopiratan atestilon, ĉu pri kapablo, ĉu pri instrukapablo. Plej parto el ili sukcesis kaj, de nun, ili povos fieri pri la atestilo, pendigita apud skribotablo. Ni gratulas la sukcesintojn kaj ni kuraĝigas la fiaskintojn ree provi la kapablon venontan jaron. Studo, kaj

persisto... Kaj nun, la raportisto, tre plezure pasas al la plej elstara programero en la disvolviĝo de la kongreso. La prelego de Profesoro Font y Puig estos ĉiam rememorata, eĉ en plej etaj detaloj, de ĉiuj esperantistoj kiuj estis sufiĉe bonŝancaj ĉar ili ne mankis tiun oratoran juvelon. Profesoro Petro Font y Puig estas la plej veterana inter la profesoroj pri Filozofio en Hispanujo. Plie, li estas la Estro de la Instituto San José de Calasanz de la Supera Konsilo pri Sciencaj Traserĉoj kaj de la Pedagogia Sekcio de la Instituto por Hispaniaj Studoj. Tiu fieriga titolaro sufiĉe garantiis ke la prelegisto devis fari akcepteblan oratoraĵon, sed, sincere, kiam li komencis sian belegan diskurson ni estis tre malpretaj suspekti la elstaran kvaliton de lia parolado, naskita de profunda kono de la pritraktata materio, de perfekta regado de retorikaj reguloj, kaj ankaŭ de tiu speciala ĉarmo kiun sole posedas kelkaj raraj virtuozoj de la oratoreco.

Kiam la Vicrektoro de la barcelona Universitato D-ro Mateu y Llopis, akompanata de la Prezidanto de HEF, de D-ro Font y Puig kaj kelkaj aŭtoritatuloj, eniris la severelegantan salonon «Aula Magna», ĉiuj sidlokoj, pordembrazuroj kaj apudaj koridoroj estis okupataj de densa ĉeestantaro, avida pri la aŭdado de la plenfama oratoro.

Post eta silento, D-ro Herrero staris kaj alparolis la publikon, dirante ke li ne devas prezenti la oratoron, kiu estas, sendube, multe pli konata ol li mem, sed nur por sciigi ke li havas la impreson ke la tuja diskurso estos, sendube, la plej valora programero en la kongreso. Esperanto, —diris D-ro Herrero—, pruvis, ĝis nun, laŭlonge de la tuta programo de la kongreso, sian taŭgecon por diskuti, konversacii, prelegi kaj eĉ... ami. Tio aperas antaŭ la konsidero de iu ajn kiu deziru bone taksi nian aferon. Sed, nun, temas pri elstara sciulo, kiu, bone konante la aferon, diros al ni sian opinion. Ni silentu kaj aŭskultu ĝin...

D-ro Font y Puig leviĝis. Maljuniĝinta kaj malgrasa, li havas asketan aspekton. Lia ampleksa kaj brila frunto malkovras la personan historion pri longaj plenstudaj noktoj. Lia oratoreco estas ornamata de tute privata parolstilo: metoda, orda, profunda, konvinka, atentiga, kaj, super ĉio, bildoplena, imagpova, gapiga...

Li komencis priskribante kiel, per la parolkapablo, homo estas reĝo en la mondo. La parolo estas la sola perilo inter homoj kiu kapablas pritrakti animajn aferojn, kaj elstaraj homoj ĉiam uzas elstare tiun kapablon.

Poste, li analizas la naskiĝon de lingvoj kaj ĝian evoluon. Kaprico kaj misuzo fariĝas fonto de vorttrezoro, kaj, tiel, anarĥio regas ĉe leksiko.

Per tre komikoplenaj ekzemploj la oratoro pruvas kiel, malordo kaj malklero regas ĉe formiĝo de vortoj. Ekzemple, se hispano skribus «marabilla», ĉiuj priridus lin, kaj li estus taksata kiel aĉa malklerulo, ĉar la bonaj parolantoj scias ke oni devas skribi «maravilla»; tamen, tiuj kiuj bone konas latinan lingvon, ne forgesas ke la menciita vorto devenas el «mirabilia» (kun «b»); sed, hispana lingvo estis formata, ne de retorikistoj, sed de soldatoj, sklavoj kaj komercistoj, kiuj malbone regis la patrician latinan lingvon; ili nur konis la «sermo vulgari», kaj, pro tio, la nuntempaj ĝustparolantoj heredis la parolmanieron de la tiutempaj fuŝparolantoj. Jen kial nek hispana nek alia nacia lingvo povas fieri pri nobela deveno, kaj kial la nuntempa pravo estas ido de la tiutempa eraro. La kutimo fariĝis kaj daŭre fariĝas leĝo, kaj tiu metodo, vera ĥaoso, ĥaosigis la lingvojn.

Jen kial, ankaŭ, estas tute malracia la uzo de prepozicioj. Hispanlingve, ekzemple, oni diras «montar *a* caballo» (rajdi sur ĉevalo), kaj, tamen, oni devas diri «montar *en* burro» (rajdi sur azeno). Estus tute komike ŝanĝi la prepoziciojn kaj diri «montar *en* caballo» aŭ, kontraŭe, «montar *a* burro». Foje, eĉ bonaj lingvistoj pripensas multe kian prepozicion ili devas uzi. Pri tio, la oratoro mencias komikan okazintaĵon, kiam, somerumante kun la fama hispana verkisto Pío Baroja, ĉi tiu aperis en la kunveno, pli malbonhumore ol kutime. Demandite pri la kialo, li respondis malmilde: «Mi devas skribi ke iu malsupreniras pantoflovestite, kaj mi

ne scias ĉu mi devas skribi «en zapatillas», «con zapatillas», aŭ «a zapatillas». Ĉiuj ridegis pri la embaraso kaj multe pli kiam, por eviti la dubon, la aŭtoro forstrekis la aperon de sia rolulo!

Esperanto, lingvo elpensita de bona lingvisto, evitis, kiel eble, tiujn malraciaĵojn, kaj la cerbo regis la idiomon, anstataŭ ol la idiomo cerbumigu la parolantojn. Tiuaspekte, oni devas multe emfazi pri la granda pedagogia rolo de Esperanto, ĉar estas granda pedagogia eraro enprofundigi malraciajn regulojn, plenigitaj je esceptoj, en la menson de infano, kiu, plenrajte, povas formi tre malfavoran opinion pri la racieco de siaj antaŭuloj!

Alia favora flanko de la internacia lingvo, kaj ne la malplej estiminda, estas la fakto ke, per ĝia uzo, ĉiuj parolas de la sama nivelo al ĉiuj aliaj, kaj, per tio, malaperas la avantaĝa pozicio de tiuj kiuj regas aŭ deziras regi la aliajn. Per Esperanto, malaperas la landlimoj kaj la homaro fariĝas pli familia. Jen la morala aspekto de la helpa lingvo, kaj jen kiel povas esti ebligata la dialogo inter ĉiuj popoloj, eĉ inter la plej malamikaj, ĉar, per dialogo, la distancoj mallongiĝas kaj la malamikecoj malaperas. Tondra aplaŭdado premiis la oratoron post multaj feliĉaj paragrafoj, sed, en ĉi tiu momento, ĝi ŝajnis esti senfina.

Kvankam la prelego estis farata hispanlingve, por hispanoj, ĉu esperantistoj, ĉu ne, ĉe la fino de la diskurso la oratoro alparolis la aŭdantaron esperantlingve, por kanti, per inspirplenaj konsideroj, la belecon kaj ĝustecon de la lingvo de Zamenhof. Kiam, fine de belega paragafo, Profesoro Font y Puig laŭdis la esperantistojn, pro ilia kuraĝo kontraŭstarante mokojn, ŝercojn kaj indiferentecon, defendante Esperanton, neanstataŭebla ilo de paco, ĉiuj leviĝis kaj kronis la altvaloran prelegon per senkompara aplaŭdado.

Poste, D-ro Herrero leviĝis por esprimi kiel li ĝojis, kaj kiel ĝojis ankaŭ ĉiuj ĉeestantoj, aŭdante la belegan prelegon. «Ni estas fieraj pri la opinio de la ne diskutebla aŭtoritatulo. Esperanto, tiel vipata de nesciuloj, estas, hodiaŭ, laŭdata de scienculo kiu, per mirinda oratoraĵo, vera «maravilla» (kun «b» kaj kun «v»!) kiun rememoros ĉiam ĉiuj aŭdantoj». Li finis dankante D-ron Font y Puig pro la granda servo ĵus farita al Esperanto, kaj ankaŭ ĉiujn Aŭtoritatulojn, ĉefe la Vicrektoron. «Esperanto —li diris— estas perfekta rilatigilo, utila por scienculoj, sed ankaŭ por laboristoj. Tial, li fariĝis tutmonda pacigilo. Ni zorgos por ke ĝi estu tiel por ĉiam»!

Ne nur esperantistoj, sed ankaŭ aliuloj miris pri la belega prelego kiu malkovris al ili la eblecojn de Esperanto. Inter la ĉeestanta samideanaro regis, post la prelego, okulfrapa kontentiĝo, naskiĝinta de la opinio, altvalora opinio, de fakaŭtoritatulo; la tolerema dorso de esperantistoj jam ne estis superŝutata de vipoj, mokoj kaj pedantaj antaŭjuĝoj, sed, kontraŭe, iliaj oreloj aŭdis, finfine, la ĝustan muzikon, akordiĝanta kun la vero, en la lingva afero. Kaj ni devas agnoski ke tia muziko sonas tre malofte. Ĉu nesciuloj, ĉu Brinkerbergoj, tro daŭre pafadas en nian kampon. La voĉo de Profesoro Font y Puig, la granda lingvisto, la plej bona latinisto en Hispanujo, estas, por konantuloj, la plej bona garantio.

Kiam ĉiuj, forirante el la barcelona Universitato, iris en siajn loĝejojn, post la prelego, la koroj estis tute malpezaj, kaj ĉiuj konsciis ke, por la historio de Esperanto en Hispanujo, jus ekestis nova mejloŝtono sur vojo de nun pli glata kaj agrabla.

La tuta barcelona gazetaro raportis longe kaj laŭde pri la majstra diskurso de D-ro Font, kaj tiu estis unu el la malplej forjetindaj fruktoj atingitaj. Kaj, en la koro de ĉiuj esperantistoj neniam estingiĝos la sono de la altvalora voĉo...

*Sabaton, 28an de Julio.* La anoncita ekskurso al Montserrat estis vera sukceso. Multaj kongresanoj jam konis la belegan sanktan monton de katalunoj, sed tio ne malhelpis por ke ili estu irantaj kun tiom da entuziasmo ol tiuj kiuj ankoraŭ ne konis ĝin. Densa aŭtobuskaravano kunportis la ĝojan ekspedicion. Ĉe la alveno, ĉiuj miris pri la impona rokegaro; pri la, de supre, abismaj pro-

fundegoj; pri la, de fronte, okulfrapa religisento. Rokoj, abismoj, baziliko, ĉio frapas la koron, alvokas al meditado, al konsidero pri la homa nenieco, al la banalo de homaj disputoj. Kaj la esperantistoj, pli ol aliuloj, povas senti la majestecon de la loko, la alvokon de la monaĥejo, la neniecon de la homaj fieroj. Sed ili povas prezenti, pli ol aliaj, promeson, esperon, bazon, por pli bona estonteco. Tie, je alteco pli ol milmetra, meze de purega aero, parfumita de balzamigaj arbaroj kaj vepraroj, ĉiuj plenspiris, profitante la unikan okazon por kompensi la urbajn miasmojn kaj fulgojn. La plej ripozemaj, antaŭ bierglaso, komforte sidantaj, rigardis kiel, la plej moviĝemaj, grimpis la krutajn deklivojn, helpate de tigoj kaj veproj. Poste, ĉu en elegantaj restoracioj, ĉu en surgrundaj piknikaj rondetoj, ĉiuj, plenapetite, tagmanĝis, kaftrinkis kaj eĉ siestis. Multaj veturis, per riskaspekta pendveturilo, de la supro de la monto ĝis la profundego, super la ribelemaj ondoj de la rivero Llobregat. Kaj ĉiuj grupoj kaj rondetoj, en vere internacia medio, estis la pruvo de nia pravo. Ĉiuj amuziĝis intense kaj konsciis ke tiu estis memorinda tago, ne nur por kongresanoj, sed ankaŭ por la historio de la kongreso. Kaj, kiam ĉiuj, revenante, enveturiĝis, ili konsciis pri peco da koro restinta en la supraĵo de la kataluna mondo. Poste, dum la reveno, ridoj kaj kantoj knedis, ĝis perfekta maso, la tuton de agrablaj spertoj de la neforgesebla tago.

Sed tiu tago havis, ankoraŭ, ĝuplenan finaĵon, ĉefe por la muzikamantoj. Barcelono havas, meze de la «gotika kvartalo», ĉarman mezepokan placeton. Kiam, vespere, oni situas tie, kaj oni rigardas, laŭlonge de la altaj ŝtonaj muroj, la ĉizelitajn kapricajn kolonetojn de la ogivaj fenestretoj, aŭ la krenelitajn suprojn de la altaj galerioj, samtempe aŭdante la batojn de la turhorloĝoj, oni kredas esti transportita en toskanan urbon de la ŝekspira dramaro. Kaj tie, en tiu rava medio, la kongresanaro povis aŭdi neforgeseblan koncerton. Unue, la kantĥoro «Clavé», sub la majstra kondukado de la Direktoro Fr. Folguera, interpretis, kun estiminda perfekteco, kelkajn regionajn kantaĵojn, kiujn oni premiis per densaj plaŭdadoj, kiuj okazigis dankindan ripetadon.

Poste, la barcelona Muzikistaro, sub lerta gvidado de Profesoro Direktoro R. Lamotte de Grignon interpretis, kun admirinda ĝusteco, varian programon de hispanaj aŭtoroj, ankaŭ premiita de fortaj plaŭdadoj, kiuj ripetigis multajn pecojn de la neforgesebla koncerto.

Ĉe la fino, ambaŭ direktoroj estis premiitaj per la kongresa insigno, meze de ĝenerala laŭtaprobo de la plezurplena aŭdantaro.

*Dimanĉon, 29an de Julio.* La kongresaj tagoj pasis, ho, ve!, tro rapide. La lasta tago alvenas, kun la promeso de ĝojplenaj momentoj, sed kun la fatala atentigo pri la nepra forpaso tuja....

La tuta kongresa laboro estas jam farita. Nur restas solenaĵoj, kaj streĉe koraj momentoj. La tago, hela, varma julia tago, nestas tiujn momentojn, kiujn pro ilia pasia karaktero, neniam forgesos la kongresanoj.

Unue, oni devis danki al Dio pro la sukceso de la kongreso, kaj peti de Li daŭran helpon por nia movado, tiel akordiĝante kun la religiaj postuloj. Tiucele, Diservo estis farata en la malnova romanika preĝejo Sankta Ana. Tiu bele elvokiga preĝejo situas ĉe la koro mem de Barcelono, en kaŝita anguleto de la placo Katalunio. Neniam, en nia multfoja trapasado, ni estis vidinta tiun ravan aspekton de la malnova urbo.

Meze de bela ĝardeneto, kie gardostaras severaspekta ŝtona granda kruco, leviĝas malhelaj muregoj, kies makulitaj ŝtonoj rakontas pri jarcentoj kaj pri la vigla, glora historio de la urbo. Hedera vualo ŝirmas la murojn kontraŭ suno, pluvo kaj tro enketemaj rigardoj. La preĝejo, vera juvelo, vidas kiel la benkoj estas okupataj de diversdevenaj esperantistoj, uzantoj de lingvo por la estonto, kunvenantaj inter muroj de la estinto. Kaj, precize, la prediko, en Esperanto, temas pri tio: ke la nova lingvo, farita por pli bona mondo, pli nova mondo, perfekte akordiĝas kun la doktrino de la

al la paĝo 322

# LA 26-a KONGRESO DE I. K. U. E.

La 26-a Kongreso de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista okazis en Zaragoza, de la 20-a ĝis la 24-a de Julio, kaj ĝin partoprenis 209 kongresanoj el Francujo, Belgujo, Nederlando, Germanujo, Anglujo, Indonezio, Estonio kaj Hispanujo.

La 21-an de Julio la Ĉefepiskopa Moŝto de Zaragoza celebris la Sanktan Meson kaj disdonis la Komunion al la kongresanoj. Pastro Beckers predikis pri la dia ordono: «Amu unu la alian». Poste, en la Provinca Palaco, okazis la Malferma Kunsido, kaj parolis S-anoj De la Puente (Hispanujo), Audenauert (Belgujo), Vigar (Anglujo), Silbert (Estonio), Colas (Francujo), Jung (Germanujo), Blot (Nederlando) kaj Herrero (Hispanujo). Oni legis telegramon de la Sankta Papo, benanta la kongreson. Fine la Ĉefepiskopa Moŝto diris mallongan, sed tre trafan kaj belan paroladon en kaj pri Esperanto.

En ĉi tiu kongreso okazis tri prelegoj: de S-ro Guzmán, pri «Pax Christi kaj Esperanto»; de D-ro Sancho Izquierdo, pri «Hispana Folkloro», kaj de S-ro Jong, pri «Esperanto en ŝtataj kaj neŝtataj internaciaj organizoj».

Ĉiutage estis celebrataj sanktaj mesoj de komunio, en la Baziliko de la Sankta Virgulino de la Kolono (Pilar), en Sankta Karolo, en Sankta Engraco kaj en la Katedralo (Seo), eĉ dialogataj en Esperanto, dank' al speciala permeso. Ankaŭ en la Baziliko estis preĝata en Esperanto la Solena Rozario. (Estis la unua fojo en la historio, ke en tiu Baziliko oni preĝas la Solenan Rozarion en alia lingvo ol en la hispana. Pri ĉi tio raportis la ĵurnaloj).

Oni faris vizitojn al la urbo kaj al ĝiaj mirindaj artaĵoj, parkoj, sportaj stadionoj, la nova Malsanulejo por la Asekuritaj Laboristoj ktp., kaj okazis oficiala bankedo, sekvata de folklora prezentado.

La antaŭa estraro estis reelektata, kun la aldono de du novaj voĉdonantoj: S-roj De la Puente kaj Marqueta (Hispanujo), organizintoj de la kongreso.

Oni decidis ampleksigi kaj plibeligi la organon de la Asocio, «Espero Katolika», eldoni ĉiujn du aŭ tri jarojn la Adresaron de I. K. U. E., plialtigi la kotizojn, okazigi en 1958 la Kongresan Pilgrimon al Lourdes, okaze de la centa datreveno de la aperoj, kaj okazigi en 1960 en Munich la 28-an Kongreson, okaze de la Internacia Eŭkaristia Kongreso. Ankaŭ oni faris aliajn gravajn decidojn. — *J. Guzmán.*

## Discurso pronunciado en esperanto, por el Excmo. y Revmo. Sr. Arzobispo de Zaragoza, Doctor Morcillo, en la Sesión de Apertura del 26 Congreso Internacional de los Esperantistas Católicos.

La paz sea con vosotros. La paz es un don de Dios y vosotros la vais buscando en todos los lugares y la vais labrando con vuestra lengua universal. La paz sea con vosotros en esta ciudad donde la Virgen vino a traer la paz de Cristo a los hombres de buena voluntad.

En la epístola de San Pablo a los filipenses se leen estas palabras: «Cuantas cosas haya verdaderas, cuantas haya justas, cuantas puras, cuantas amables, cuantas bien reputadas, si alguna virtud hay, si cosa digna de alabanza, tales cosas tomad en cuenta». Y vosotros habéis tomado esta cosa amable y digna de alabanza que es el Esperanto para ponerlo al servicio de la Iglesia y de la fraternidad cristiana entre los hombres.

En otro tiempo y durante largos siglos la Iglesia unió a los hombres con una lengua universal. Vosotros, esperantistas, queréis también unir espiritualmente a los hombres con este instrumento fácil que es vuestra lengua internacional. Haced de ella un arma de paz y pedid a Dios en ella la paz de las armas y la paz de las almas.

Sea también en vuestras manos un instrumento de justicia, que el negar a los pueblos y a los hombres su derecho es ocasión y causa de guerras.

Difundid con el Esperanto el precepto de la caridad cristiana. Si Dios es amor, el amor debe presidir las relaciones entre los hombres; y sin el amor no hay sociedad humana verdadera.

Y llevad en vuestras palabras y en vuestras revistas el testimonio de la revelación cristiana a los hombres y a los pueblos para los cuales el Evangelio es todavía desconocido.

Zaragoza y su Iglesia Diocesana, con su experiencia cristiana de veinte siglos, se gozan de vuestra presencia activa, comprenden y aplauden vuestros esfuerzos y os desean muy abundantes resultados y muy felices días entre nosotros.

# 41-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## La degela Kongreso, en ordo kaj belo

De la 4 ĝis la 11 de aŭgusto 1956 elvolviĝis la 41-a Universala Kongreso de Esperanto. La kongresejo estis la Teknika Universitato, en Kopenhago. Protektis la Kongreson S-ro H. C. Hansen, ĉefministro de Danlando kaj ministro por eksterlandaj aferoj; la honoran komitaton prezidis S-ro Julius Bomholt, ministro por instruado, kiun komitaton cetere partoprenis, inter aliaj, la prezidanto de la dana parlamento, la ĉefurbestro de Kopenhago, la prezidanto de la Radio-konsilantaro, la ĉefo de la Turisma Asocio de Danlando ktp.

La Kongreson partoprenis 2.200 reprezentantoj de 43 landoj. La solena inaŭguro okazis en la koncerthalo de Tivoli, kaj en ĝi oficiale salutis la reprezentantoj de 10 registaroj, kun la notindaĵo, ke Finnlando sendis por saluti registaran ministron S-ino Tyyne Leivo-Larsen, cetere fluparola esperantistino. Salutis ankaŭ reprezentantoj de diversaj landaj asocioj kaj de esperantistoj el landoj, kie ne ekzistas landaj asocioj: entute pli ol 40 salutoj. La inaŭguran festparoladon faris D-ro Ivo Lapenna, en sobra sed trafa kaj konvinka maniero, pri la idealogia enhavo de esperanto. Komuna kantado de nia himno finis la kunvenon.

La Kongreso laboris en tri sekcioj: «Esperanto en la edukado», «La lingva problemo de la internaciaj organizaĵoj» kaj «Esperanto kaj la junularo», gvidataj respektive de S-roj David Kennedy, Ivo Lapenna kaj Gian Carlo Fighiera. Cetere okazis pluraj kunsidoj de UEA, kaj multaj fakaj organizaĵoj aranĝis siajn kunvenojn, kiel kutime, en la kadro de la Kongreso. La rezulton de tiuj laboroj interesatoj certe povos legi en la ĉeforganoj de nia movado.

Elstaraj aranĝoj estis la Teatra Vespero, kun tri pecoj el nuntempaj danaj verkistoj; la temoj de la pecoj donis okazon al multaj viglaj poraj kaj kontraŭaj opiniesprimoj. La 50 jara jubileo de Internacia Scienca Asocio Esperantista estis tute digna kaj altnivela kunveno. Same brile sukcesis la kunsido por konigo de la rezulto de la Belarta Konkurso: alvenis 116 konkursaĵoj el 18 landoj, kaj la unuajn premiojn ricevis S-roj Juan de Oyarzábal (Meksikio), Enrico Dondi (Italujo) kaj C. Graversen (Danujo). Ne malpli brile kaj simpatie sukcesis la Infana Kongreseto, kiun partoprenis 35 infanoj el 10 landoj, en aĝo de 6 ĝis 13 jaroj: tre imitinda kaj nepre daŭrigenda agado!

Specialan atenton vekis la 9-a Internacia Somera Universitato, pro la altnivelaj lecionoj de 10 profesoroj venintaj el 9 landoj (Aŭstrujo, Britujo, Danujo, Francujo, Hispanujo, Italujo, Jugoslavujo, Norvegujo kaj Svedujo). Oni registris ĉiujn lecionojn en sonbendoj por posteaj sciencaj studoj pri la elparolo de esperanto ktp. Estas antaŭvidite aperigi tiujn prelegojn libroforme.

Dum la solena fermo oni raportis pri la laboro de la Komitato de UEA, pri la venonta Universala Kongreso en Marsejlo (3-10 de aŭgusto), al kiu oficiale invitis la franca ataŝeo S-ro Pierre Moisy; oni disdonis la premiojn de la Belarta Konkurso kaj oni aŭdis, kun granda ŝato, la dankan saluton de la ministro de instruado, diritan en perfekta esperanto de lia anstataŭanto, kie li konstatis, ke esperanto estas eminenta ligilo inter reprezentantoj de ĉiuj partoj de la tero kaj —ĉefe— laŭ la prelegoj faritaj dum la Kongreso en viva kaj varma lingvo, ke la prelegantoj konstruis ponton de koro al koro.

Ĉar S-roj Malmgren kaj Kennedy decidis eksiĝi el la Estraro de UEA, la solena fermo iĝis ankaŭ sincera emocia danko al tiuj du gravuloj de nia movado, kiuj tre eminente antaŭenigis la disvastiĝon de esperanto. Belaj donacoj al ambaŭ simbolis la aprezon de la esperantistaro al ilia laboro. Sekve do en Kopenhago mem ekfunkciis la nova Estraro de UEA, kiun konsistigas la jenaj personoj: Prof. Giorgio Canuto, Prezidanto; S-roj Mabesoone kaj Holmes, Vicprezidantoj; Prof. Lapenna, Ĝenerala Sekretario; S-roj Llech-Walter, D-ro Azzi kaj D-ro Herrmann, estraranoj.


al la paĝo 325

# NOVAJ LIBROJ

**VIVU LA STEL'!**, Kantokolekto por esperantistaj kunvenoj. Kelkaj aŭtoroj; 64 paĝoj. Eldonis Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo. Prezo: 2 Sv. Kr.

Plaĉa kantaro dividita en kvar partoj. La unua konsistas el 9 Esperantaj kantoj, komencante per nia himno «La Espero» —*Vivu la Stel'*, kiu titoligas la broŝuron, okupas la duan lokon, sendube pro la deviga respekto al nia Majstro—. La dua parto, la plej longa, ampleksas 33 poeziaĵojn, kie diversaj Svedoj kaj alinordlandanoj varme sopiras al suno, al maro, al somero, al arbaro, al malproksimaj ravaj landoj... Kelkaj el tiaj verkoj estas ja konataj, (Ekz: *Maristo Jonsson, Nigra Rudolfo*); sed tio pruvas la akcepton de la Esperanta publiko. Tria parto, pli mallonga, entenas 4 religiajn psalmojn, tradukitaj de Magda Carlsson, kaj la kvara prezentas al ni la naciajn himnojn de la kvin Skandinavaj ŝtatoj por brile fermi la broŝuron.

La enkonduko deklaras ke la kompilintoj volas: «Gajigi kaj agrabligi la kunvenojn». Mi certigas ke, krom tio, ili sukcesos lernigi bonan lingvon kaj konatigi kun la simpatiaj nordaj samideanoj.

Malgraŭ ke la tradukintoj estas multaj —18 entute— ĝenerale ili bone konas la metion kaj la libreto prezentas sufiĉan unuecon. Mi nur dezirus kelkajn klarigojn pri la neesperantaj vortoj. Sub la paĝo 30 estas du; sed... Svede! Mi min demandas kiel reagos la legantoj de «Fritiof kaj Carmencita» antaŭ verso kaj duono en hispana lingvo (ĝi estas Argentina sceno).

Papero kaj presado estas ne riproĉeblaj, kaj mi esperas ke la grupoj kaj unuopaj esperantistoj rapidos ĝin aĉeti. Certe ili ne pentos.

*A. Núñez Dubús.*

**NIA LINGVO ESPERANTO,** Karl Vanselow. Dua serio; tria kajero. Eldonis la aŭtoro; adreso: Berlin-Schoneberg, Akazienstrasse 20, Germanujo. Prezo: 2 respondkuponojn.

La bone konata kaj multe ŝatata de la Esperantistaro poeto daŭrigas en tiu kajero sian meritan laboron laŭ la sama plano kiun li uzis en la aperintaj.

El la 43 poeziaĵoj —ĉar unu estas germane verkita— la plejmultaj estas adaptataj al konataj melodioj italaj, germanaj francaj kaj rusaj. Kelkaj pri E. temoj, kelkaj petole-ŝercaj —vidu numerojn 230, 31, 32— sed ankaŭ kortuŝantaj kiel 238, 39, 40, 41, 42....

Facila poeto, Vasenlow ne bezonas por sia verso, ĉiam natura, ĉiam freŝa strangajn parolturnojn nek novajn vortojn—kvankam li ne rifuzas la necesajn. Mi rimarkas trafan kunmetigon: NEJAM, anstataŭ *ankoraŭ ne*.

La libreto finas per la versoj:

.................. verki
poemojn por deklamo kaj por kanto
ne ĉesos mi ĝis mia vivofino.

Mi sincere deziras ke li plenumu tiun promeson, por la bono de Esperanto kaj de la Poezio.

*Amalia Núñez Dubús.*

**AL ĈIUJ EGALE,** rakonto de Ŝalom Alejĥem. El la lingvo jidiŝ tradukis Maurice Salzmann. Kolekto de la Liona Esperantista Societo. Mendu ĉe Maurice Salzmann, Les Plus Belles Editions de France, 37 Av. Henri Barbusse, Lyon-Villeurbanne, Rhone, Francujo. Paĝoj 26. Prezo 2 rpk.

Laŭ la tradukinto, unu el la plej eminentaj verkistoj de la novhebrea literaturo certe estas Ŝalom Alejĥem. Lia novelo «La Gimnazio» estis jam tradukita de nia Majstro D-ro Zamenhof. La novelo konsistas el ok ĉapitroj, ĉiuj tre amuzaj kaj interesaj. Per ili la aŭtoro eksponas sian sugestan tezon, t. e., kio okazus en la mondo se oni dividus la monan riĉecon inter la terloĝantoj? Fakte la temo ne estas nova kaj ĝi povus starigi plurajn kaj diversajn komentariojn; sed ĝia elvolviĝo kaj argumenta analizo estas efektivigita trafe kaj majstre. Buŝe de la maljuna filozofo Reb Meir, unu el la protagonistoj de la rakonto, la verkisto prave asertas: «Vi vivas en eraro. Ne en la mono sin tenas la tuta feliĉo de la homo. Nia feliĉo sin tenas en la frunto kaj en la koro. Ni estas kreitaj ne nur por la ventro, sed pro alia afero».

Pri tio ni nur povas aldoni: amen; ĉar bedaŭrinde la besto kiu restas ĉe ni superregas ankoraŭ nian konscion.

La bonega kaj imitinda literatura stilo de la tradukinto konstante stimulas la legadon de novelo kies enhavo, verdire, iĝas ĉiam sprona kaj vigla.

*J. Aragay.*

el la paĝo 318

pasinto, kiun ni heredis de niaj praavoj. Kaj la predikanto, respektinda Pastro Jozefo Casanovas, nia federacia kapelano, per paragrafoj simple belaj, kaj bele simplaj, en nia kara lingvo, disdonis, por diversdevenaj esperantistoj, la semon de boneco, kiu, taŭga por ĉiuj landoj, devas esti propagata pere de unusola idiomo, por ĉiuj bonvolemaj homoj. Kaj, samtempe ol la Pastro dissemis siajn belajn pensojn, ni meditis pri liaj sinsekvaj alparoladoj: en la Romanikaj Preĝejoj de Tarrasa; en la Kapelo de la Sankta Kalico, en Valencio; ĉe la Baziliko de N.ª Sn.º de Begoña, en Bilbao; ĉe la preĝejo de Sankta Petro, en Gijón; kaj nunjare, en ĉi tiu elvokiga preĝejo, ĉe la barcelona koro. Kaj ni rememoris, ankaŭ, la kuraĝigajn vortojn de Moŝta Ĉefepiskopo de Zaragoza, nur antaŭ kelkaj tagoj, per kiuj li konfirmis la akordiĝon inter la celoj de la Eklezio kaj la lingvaj kaj moralaj postuloj de nia movado. Ĉe l' foriro de la preĝejo, meze de la ĝardena oazo, fotografistoj fiksis, en siaj kameroj, la plezuron de ĉiuj, kiuj pensis ke la karaj vizaĝoj de tiel multenombra amikaro, restos en tiuj fotografaĵoj, kiujn ĉiuj gardos zorgoplene...

Matenmanĝinte, ĉiuj iris ĉeesti la reprezentadon de la fama komedio «Georgo Dandin», de Molière, majstre tradukita esperanten, de la Majstro. La fama poeto Francisko Vilá, el Barcelono, multfoje premiita pro liaj inspirplenaj poeziverkoj, ĉu katalune, ĉu kastile, ĉu esperantlingve, estas ankaŭ artoplena deklamisto kaj— tion ni konstatis— lertega aktoro. Kaj li gvidis, pacience kaj trafe, bonvoleman trupeton, konsistigita el belaj junulinoj kaj simpatiaj knaboj, gelernantoj de nia lingvo. Kaj, jen la miraklo de l' persisto kaj talento. La triakta komedio «Georgo Dandin», ĝuste prezentita en ĝiaj dekoracia, vestaĵa kaj media aspektoj, trovis talentan interpretadon de la tuta trupeto. Juanita Aragonés, bela kaj malicplena Angeliko, ludis inspirplene kun Pablo Claramunt kaj Carmen Clofent, ĝustaj interpretoj de gesamideanoj de Sotenville. Klitandro estis tre bone enpersonigita de Ricardo Güell, kaj Montserrat Clofent vere brodis la rolon de Klaŭdino. La naiva Lubin trovis trafan prezentadon per Isidro Berniol, kaj Colin per Tomás Punyet. La tuto ludis tre trafe kaj brile, gvidata de Vilá mem, kiu interpretis ĝuste kaj brile la malfacilan rolon de Dandin, la malfeliĉa kaj vipata Dandin, kies malfeliĉaĵoj kaj ĉagrenoj trovis adekvatan kaj komikan respegulojn per la brila rolprezento de Vilá, kiu elstaris kaj aŭdis multajn aprobajn aplaŭdadojn.

La komedio estis bone akceptata de la inteligenta publiko, kiu, laŭ programita anonco, aŭdis, antaŭ la prezentado, trafan prelegon de nia samideano Ludoviko Hernández, kiu, per mallongaj sed bele ornamitaj frazoj, priskribis kaj analizis la verkaron de Molière, la etoson de la versaja tiutempa aŭdantaro, kaj la moralajn nuntempajn deduktojn de la komedia varpo. Tre meritite, li aŭdis longan kaj densan aplaŭdadon, kiel ankaŭ samideano Vilá, kiam, ĉe la fino, li salutis la publikon per inspirplena poeziaĵo.

La barcelona gazetaro longe kaj favore raportis la grandan teatran sukceson, kaj la literaturaj eblecoj de Esperanto estis, pro tio, bone konataj de la granda publiko. Por la kongreso, la teatra prezentado estis la literatura flanko de la programo, kaj ĝia sukceso konsciigas nin pri neceso, en estontaj kongresoj, de teatra prezentado.

En densaj grupoj la samideanaro disiĝis, komentante la grandan sukceson de la ĵus aŭdita reprezentado, kaj, malrapide, kiel dezirante plilongigi la lastajn kongresajn horojn, aliris, por ĉeesti la kongresan bankedon, la Restoracion de la Kazino en la Parko.

Meze de la grandaj ĝardenoj, sulkigitaj de imponaj aleoj, najbare de la zooparko, kuŝas la restoracio, kien aliris, per ĉiuj rimedoj, la adiaŭontaj samideanoj. Iom post iom la salonego estis plenigata, kaj, en la ĝusta momento, post babilado, de grupeto al grupeto, komentante la diversajn sukcesojn de la kongreso, la festeno komenciĝis.

D-ro Herrero, Prezidanto de **HEF**, prezidis, kaj li sidigis, dekstren, Pastron Casanovas, kaj maldekstren, Profesoron Font y Puig. Ankaŭ okupis honorajn sidlokojn D-ro Mariano Solá kaj membroj

de la Organiza Komitato. La festeno estis tre alloga. La vigla parolado pruvis ke la koroj ne malpli ĝuis ol la palatoj, kaj, kiam, ĉe la ĉampano, D-ro Herrero stariĝis por la fina alparolado, ĉiuj silentis atenteme. Emociite, li diris: «Karaj gesamideanoj: La barcelona kongreso estas jam finiĝanta. Dum kelkaj tagoj ni kunvivis kaj kunlaboris en ideala medio, kaj ni povas fieri pri la rezultoj de tiu kunlaborado. Private, ni ĝuis en agrabla kunestado, inter samideaj kaj samparolaj amikoj, kiuj prezentas, ĉiujare, al la mondo, la spektaklon de tio kion oni povas havi per mirinda kunmetitaĵo de lingva unueco kaj homarama moralo. Publike, ni multon gajnis. La loka kaj nacia gazetaro longe raportis pri niaj kunvenoj, kaj interesaj intervjuoj klarigis al multenombraj legantoj pri la celoj kaj eblecoj de Esperanto. Ni devas malkaŝi ke la okazigo de la IKUE-kongreso en Zaragozo multe helpis por prepari favoran etoson. De nun, multe pli da personoj scias pri nia lingvo; multe pli da interesuloj scias pli precize pri niaj celoj kaj multe pli da personoj scias, ankaŭ, pri kio ni laboras, kaj, eĉ, pri kio ni tute ne rilatas. Resume: la publika opinio pri nia afero estas, pro la simpla fakto de nia kongreso, multe pli scianta kaj favora ol ĝi estis antaŭ kelkaj tagoj. Tio jam sufiĉus por pravigi niajn penojn kaj oferojn. Tio jam sufiĉus por ke ni konfirmiĝu en nia persisto, kaj tio sufiĉas por konvinki ĉiujn samideanojn aliĝi nian Federacion, kies ekzisto kaj agado estas la motoro de niaj ideoj; sen ĝi, Esperanto estus, en Hispanujo, seka restaĵo de la pasinto kaj mizera respegulado de la penoj kaj streboj de multenombraj pioniroj. Ke neniu esperantisto restu en senfrukta izoleco, kaj ke ĉi tiu kongreso havu, kiel ĉefa rezulto, la unuecon kaj agemecon de tiuj kiuj ankoraŭ, ĝis nun, ne subtenas nian fratigan kaj pacigan movadon.

Fatale, alproksimiĝas la momento kiam ni devas disiri. Ju pli kontentiga estas nia agrabla kunvivado, des pli ĉagrena devus esti tia disiro, se ni ne havus, kiel lumigan esperon, la promeson de nia nepra renkontiĝo, venontan jaron, en Madrido». (Tondra aplaŭdado interrompis la paroladon de la Prezidanto). «Karaj gesamideanoj: la nunjara kongreso havis multedran aspekton, kiu karakterizos ĝin: la solenan Malfermon ĉe l' Urbodomo; la esperantistan geedziĝon; la belan prelegon de D-ro Solá kaj la netakseble majstran diskurson de Profesoro Font y Puig. La prezentado de Georgo Dandin pruvis ankaŭ al multaj la literaturajn eblecojn de Esperanto. La laborkunsidoj aprobis konstruajn konkludojn, kiuj pravigas la neceson de niaj kunvenoj. Tio ĉio estas faktaro kiu kompensas, tre amplekse, la penojn de la Organiza Komitato, kiu meritas ĉies laŭdojn (grandaj aplaŭdoj). Kaj la tuta laboro devas inciti ĉiujn al plia strebado pro nia idealo. Karaj, mi ne adiaŭas vin, sed, mi ĝojas povante saluti vin ĉiujn per la vortoj: Ĝis venonta jaro, en Madrido!»

Ĉiuj, starantaj, aplaŭdadis la Prezidanton de HEF, ĉar li fidele interpretis la ĝeneralan senton, kaj la ĉampanaj pokaloj, ree levitaj, plenumis la lastan toaston, antaŭ ol aliaj paroladoj sekvis, markante la optimismon de la ĉeestantaro. Inter ili, ni devas mencii tiujn de D-ro Bremón, kiu ĝuigis ĉiujn per rememorado de la V-a Kongreso de Esperanto en Barcelono, dum 1909. D-ro Solá plezurigis la aŭdantojn per kelkaj belaj frazoj, kaj Pastro Casanovas sciis kortuŝi, plian fojon, sian fidelan aŭdantaron. Sed, ĉiuj silente atentis kiam leviĝis Profesoro Font y Puig. Sub la impreso de la rememorinda prelego, de li farita antaŭ kelkaj tagoj, ĉiuj sciis ke parolado de la eminenta profesoro estas ĉiam altvalora literatura peco. Tial, ĉiuj atentis kiam li leviĝis. Per lirika paroladeto li kantis la meritojn de Esperanto kaj la moralajn flankojn de esperantismo. Kiam li finis, ĉiuj laŭtaprobis lian belan paroladon, kaj oni bedaŭris ke ĝi ne estu pli longedaŭra. Tia estas la sorĉrezulto, de lia oratorarto!

Poste, la etoso, en la salono, estis mirinde altnivela. De tablo al tablo, de grupeto al grupeto, ĉiuj deziris paroli kun ĉiuj aliaj. Oni ne akceptis facilanime disiri, kaj tial ke tio estis fatale okazonta, oni deziris kunporti la imagbildon de la tuta samideanaro, kaj la resonadon de la karaj voĉoj de ĉiuj, en la koro. Dume, la junularo dancis, en la grundetaĝo, ĝis malfrue, en la vespero....

Tiu estis la bela fino de bela kongreso. Tiel bela, ke oni ne povis efektivigi formalan fermon. La kongresa stato, do, daŭros ĝis kiam, en Madrido, la forto de nia animstato malfermos, denove, alian kongreson, per kiu ni vivos plian fojon, en nia kara Esperantujo, feliĉa lando kien ni invitas ĉiujn bonvolemulojn, por ke ili ĝuu la samajn plezurojn kaj avantaĝojn kiujn ni ĝuas.

Post tiuj kongresaj okazintaĵoj, la raportisto troviĝis tute elĉerpita, kaj, pro tio, li ne povis ĉeesti la Literaturan Vesperon, kiu estis la fina programero de la neforgesebla deksepa kongreso de Esperanto en Hispanujo. Kaj, tial ke ĝi meritas ampleksan raportadon, aliulo faros tion, en sekvanta numero de Boletin, por ke ĉiuj kongresaj aferoj estu bone respegulataj en niaj paĝoj.

Multaj, ĉefe eksterlandaj samideanoj, entreprenis, post la kongreso, ekskurson al la oraj, Balearaj Insuloj. Por ili, tiu estis inda kronado de neforgeseblaj tagoj.

Tio estis la kongreso: kunvenoj, festoj, konkludoj, propagando... Sed, super ĉio, la kongreso estis: maturiĝo, fratiĝo, plilarĝigo de nia granda familio; intima morala ĝuo, deziro de lingva kaj morala perfektiĝo; samideaneco kaj samkoreco...

Kaj la velura kurteno falis, post ĉio, kio restas, jam, nur en niaj koroj.

*Cirano.*

---

## DU POEZIAĴOJ DE FRANCESC VILÁ

Nia poeto Francesc Vilá, direktoro kaj ĉefa aktoro en la komedio de Molière «Georgo Dandin», prezentita en la kadro de la 17-a Hispana Kongreso de Esperanto, je la fino de tiu prezentado sin turnis al la publiko per siaj sekvantaj versoj:

De jarcentoj laŭrkronita
Molier, lum' el Genio,
per tre bela komedio
nin regalis kun ĝojsprita.
Ĉar ĝi estis tradukita
mondalingve kun fervoro
de l' kreinto de fratver',
koraplaŭdu je honoro
de la Majstro, eterngloro,
kaj senmorta Molier!

Kaj dum la oficiala bankedo de nia kongreso, li ankaŭ oferis al la kongresanoj la jenan poeziaĵon:

### Al la 17-a Hispana Kongreso

Dank' al Vi, nia Kongreso,
rozo belega floranta,
ni ĝuas kvazaŭ kareso
de nia patrin' amanta.
Dank' al vi, nia Kongreso,
la Viv' iĝis harmonia,
kaj neniam la forgeso
regos post la gloro via.
Dank' al vi, nia Kongreso,
nia mond' iĝis pli bona.
Brilu, brilu kun sukceso
en la urbo Barcelona.

el la paĝo 320

Du distingiloj faris la Kopenhagan Kongreson aparte memorinda: la perfekta, akurata funkciado de ĉiuj aranĝoj, la ordo kaj disciplino en bela geografia medio kaj en agorda civileca etoso, de unu flanko, kaj de alia flanko, la fakto, ke post multjara disigo de niaj orientaj fratoj, Kopenhago vidis la ekdegelon de la ferkurteno, kun verigo de la vortoj de Zamenhof:

Al vi ni ne venas kun kredo nacia,
kun dogmoj de blinda fervoro:
silentas nun ĉiu disput' religia
kaj regas nun kredo de koro.

.....................................

Ni ĉiam memoru pri bon' de l' homaro,
kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro
al frata la celo ni iru obstine
antaŭen, senfine!

*J. R. P.*

---

## VORTOJ DE LA PREZIDANTO DE I. K. U. E.

***S-ro P. Marqueta Roy, Sekretario de la Organiza Komitato de la Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj, ricevis leteron de Pastro Beckers, per kiu i. a. li diras:***

Post mia alveno en mia hejmo mi konsideras kiel mian devon kore danki kaj gratuli niajn hispanajn amikojn pro la korekta kaj ege bona organizo de la XXVI-a IKUE-Kongreso. Speciale mi volas mencii S-rojn Marqueta Roy kaj de la Puente. Ili ambaŭ meritas nian laŭdon. Mi volas ankaŭ danki ĉiujn hispanajn geamikojn. Mi spertis en la bela Hispanujo la veran gastamon kaj kristanan kariton kiun mi neniam vidis en la mondo. La ĉarmaj kaj allogaj popolkantoj estis vere admirataj de ĉiuj eksterlandanoj. Speciale kortuŝis min la bela urbo Zaragoza. Ĝi vere estas juvelo apud la rivero Ebro. La ĝentileco de la enloĝantoj frapis nin ĉiujn. Ne estis la unua fojo, ke mi vizitis Hispanujon kaj mi povis konstati ke la sociala atmosfero ankaŭ pliboniĝis de antaŭ kelkaj jaroj; tio certe estas feliĉa evoluo en la kadro de moderna ekonomio kaj labororganizo.

Kore mi salutas la hispanajn katolikajn esperantistojn!

*A. Beckers*

**Prez. de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista**

---

## LA KONGRESAJ EKZAMENOJ PRI ESPERANTO

Jen la nomoj de tiuj samideanoj sukcesintaj en la esperantaj ekzamenoj okazintaj en nia 17-a Hispana Kongreso de Esperanto, en Barcelono:

*Kapabla esperantisto.* Eleuterio Moreno García, Gabriel Mora Arana, Liberto Puig Gandía, Juan Viver Salarich, José Agut Herrera, Ramón Manau Torres, Francisco Estruch Roselló, Ramón Andreu Batet, Pascual Gil Figuer, Alfredo Santacana Garsull, Vicente Cerdá Aguilar, José Pérez Sempere, Isabel Luis Bellorbi, Manuel López Rodríguez kaj Jack Pelletier.

*Esperanto-instruisto.* E. Moreno García, Gabriel Mora Arana kaj Liberto Puig Gandía.

Por ricevi la koncernan diplomon, oni sendu 15 pesetojn por ĉiu diplomo, al Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo 7, Valencia.

Por la Ekzamena Komisiono, *Samuel Roca Rodó.*

● S-ro Ernesto Guillem informas al ĉiuj siaj geamikoj, ke lia nova adreso estas: strato Marqués de Caro 6, 1.°, 2.ª-Valencia

● Deziras korespondi kun gehispanoj: S-ro Estanislao Ŝimek, Kruplsa 660, apud Teplice, kaj S-ro Miroslav Drapal, str. Mariano el Genevo 4, Olomouc 2. Ambaŭ el Ĉeĥoslovakio.

● Okaze de tutŝtata konferenco de ĉeĥoslovakaj esperantistoj, grandan leter-vesperon aranĝos Esperantista Junularo en Olomouc la 9-an de Oktobro. Geamikoj el la tuta mondo bonvolu sendi salutleterojn, poŝtkartojn, esperantajn publikaĵojn ktp., kiujn ni uzos por komuna ekspozicio. Vi tiamaniere multe helpos al la disvastigo de Esp-o en Ĉeĥoslovakio. Ĉiu kiu al ni skribos ricevos nepre dankrespondon kun speciala poŝtstampo. Viajn sendaĵojn bonvolu adresi al Bretislav Nevrly, Zayerova 13, Olomouc, aŭ al Václav Ŝimeĉek, M. Pospiŝilové 2, Olomouc, Ĉeĥoslovakio.

● 29 jara fraŭlo deziras korespondi kun ĉarma hispana fraŭlino 18-25 jara. Pliposta persona renkonto ebla. Foto bonvenota. Skribu nur esperantlingve! Mi certe respondos. Adreso: H. Cook, 3309 Home Ave., Berwyn, Illinois, U. S. A.

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

**Adreso de la Redakcio kaj Federacio**
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA

**Kotizoj de la Federacio**
**Simpla membro:** 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
**Monsendojn adresu al:**
**S-ro Ernesto Hurtado**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA**

# DONACOJ AL NIA BULTENO

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo. . | 1.797 pesetoj |
| P. Naranjo Jerez . . . . . | 10 » |
| A. García, Bilbao. . . . . | 15 » |
| A Corral, Buenos Aires . . . | 200 » |
| F. Fernández, Lugo . . . . | 100 » |
| P. Criach, Sabadell . . . . | 100 » |
| M. Alamo, Valverde . . . . | 10 » |
| R. Albero, Burjasot . . . . | 5 » |
| V. Ortiz, Tudela . . . . . | 10 » |
| M. Ruiz, Maza, Madrid . . . | 10 » |
| E. Costa, Sardanyola. . . . | 5 » |
| J. Carles, » . . . . | 5 » |
| Entute. . . | 2.267 pesetoj |

*Koran dankon!*





PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA

**La prezideja tablo en la Salono «Concell de Cent» dum la Malfermo.**

**En la Oficiala Bankedo, D-ro Solá, Pastro Casanovas, D-ro Herrero, Prof. Font y Puig kaj S-ro Ramos, dum la parolado de D-ro Herrero.**

La Malfermo en la Salono «Concell de Cent».

En Casa Valencia, Gesamideanoj Herrero babilas kun S-ro López Corts (Direktoro de Radio Barcelono), S-ro Ramos (Prezidanto de Casa Valencia) kaj S-ano Gisbert.

La kongresanoj en la ĝardeno de la preĝejo Sankta Ana post la Oficiala Meso.

La kongresanoj de la 26-a Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj en la placo «Pilar» de Zaragozo.
Meze en la unua vico S-anoj Marqueta kaj de la Puente, D-ro Morcillo (Ĉefepiskopo de Zaragozo)
kaj Pastro Beckers (Prezidanto de I. K. U. E.)